„Mutig vorwärts!“ „Kuraĝe antaŭen!“

# Aŭstria Esperantisto
## (Österreichischer Esperantist)

Oficiala organo de Aŭstria Esperanto-Delegitaro kaj Esperanto-Delegitaro de Wien.

4a jaro. No. 2 Monata Februaro 1927

Redaktejo kaj administrejo: Korneuburg ĉe Wien, Postfach.

Konto ĉe poŝtŝparkaso aŭstria n-ro D-123.826.

Jarabono (komencebla ĉiumonate): Por aŭstrianoj aŭ. S4.30, germanlandanoj RM3.—, alilandanoj sv. fr. 4.—; ponumere: por enlandanoj 40 aŭ. g., eksterl. 50 aŭ. g.

Nicht zeitgerechte Abbestellung unseres Organs verpflichtet zum Weiterbezug.

## Aus aller Welt.

### Enquete der Universität Minnesota.

Ph. Dr. Edwin L. Clerke, Professor der Soziologie an der Universität in Minnesota (eine der besten der Vereinigten Staaten) fordert die Esperantisten der ganzen Welt auf, an der von seiner Fakultät veranstalteten Enquete über „Ursachen des Interesses für Esperanto“ durch Beantwortung nachstehender Fragen und Einsendung an „Esperanto, University of Minnesota, Usono“, mitzuwirken.

Fragen: 1. Geschlecht (männlich, weiblich)? 2. In welchem Alter begannen Sie Esperanto zu lernen? 3. In welchem Jahre? 4. Wie viele Jahre besuchten Sie die Schule? 5. Welche Schule besuchten Sie zuletzt (Volks-, Bürger-, Realschule, Gymnasium, kaufmännische Schule, Universität, Technik 2c.)? 6. Was für einen Beruf hatten Sie, als Sie Esperanto lernten? 7. Was waren die Ursachen hiezu (Verwandte, Zeitungen, Arbeitskollegen, Vorträge, Radio ...)? 8. Aus welchem Interesse lernten Sie es (Friedensbestrebung, Reisen, politische Propaganda, Korrespondenz, Sammeln ...)? 9. Wo lernten Sie (in der Schule [welche, s. P. 5], privat, Gruppe [neutr., Arbeiter, relig.], Selbststudium, Radiokurs ...)? 10. Ihr jetziger Beruf? 11. Nationalität? 12. Wohnort (Stadt, Land)? 13. Name (kann wegbleiben!)?

### Esperanto im Postdienst.

Die Verwendung des Esperanto bei der russischen Post ist bekannt. Vor kurzem hat die Sowjet-Postverwaltung auch Antwort-Postkarten mit Text nur in Russisch und Esperanto herausgegeben.

Int. Esp.-Dienst, Genève.

### Radiosendungen aus Japan.

Von der Station Nagoja (Jock), Japan, sprach unser Redakteur Herr Josi Isiguro am 14. November 1926 über „Unsere Sprachen und Buchstaben“ und am 15. November über „Das Wesen der internationalen und die Zukunft der japanischen Sprache“.

Aus „Esp. en Nipponlando“, Tokio, Japan.

### Esperantovortrag aus Falun (Schweden).

Freitag, den 25. Februar, von 23 bis 24 h, findet von Falun, Welle 400, eine Sendung mit ausschließlichem Esperantoprogramm statt (Vortrag, Gesänge, Musikstücke 2c.) Guter Empfang wolle an „Radio-Klub, Falun“ bekanntgegeben werden.

### Radio-Esp.-Kurs .... in Falun.

Sender Falun, Welle 400, jeden Dienstag zwischen 19 und 21 h halbstündiger Esp.-Kurs.

### Die III. Konferenz panpazifischer Wissenschaftler

fand vom 30. Oktober bis 10. November 1926 in Tokio statt. Einige Hundert weltbekannter Wissenschaftler aller Länder am Pazifik (Vereinigte Staaten von Nordamerika, Kanada, Mexiko, Chile, Peru, England, Frankreich, Holland, China, Siam, Australien, Sowjet-Rußland, Japan u. a.) nahmen daran teil. Knapp vor der Konferenz beschloß die Leitung, die englische Sprache als offizielle Sprache zu gebrauchen. Nach Bekanntwerden dieses Beschlusses sandten 18 japanische Wissenschaftler an die Leitung einen offenen Brief, in welchem sie dringend die Annahme der internationalen Sprache Esperanto empfahlen, die für die Angehörigen aller Nationen leicht erlernbar und ganz neutral sei. Die Leitung drückte ihr Bedauern aus, daß sie mangels Zeit ihren Beschluß nicht mehr ändern könne. Die bedeutendsten Zeitungen Japans brachten große Leitartikel, in welchen sie den Antrag, Esperanto betreffend, günstig beurteilten.

Aus „Esp. en Nipponlando“, Tokio, Japan.

### Original-Literatur in Esperanto.

Esperanto besitzt bereits eine ansehnliche Zahl von Originalwerken von Verfassern verschiedenster Nationen. Soeben erschien eine neue Sammlung von Originalgedichten des ungarischen Dichters Julius Baghy.

Int. Esperantodienst, Genève.

# „Radio—Wien“

De la kursgvidanto Walter Smital.

Jen estu citataj kelkaj frazoj el la kongresparolado de l' 17-a de aŭgusto 1908 ĉe la malfermo de la „Kvara“ (kongreso) en Dresden. Tie Zamenhof diris:

„Nia lingvo mem konstante pli riĉiĝas kaj elastiĝas. Iom post iom konstante aperas novaj vortoj kaj formoj, unuj fortikiĝas, aliaj ĉesas esti uzataj. Ĉio fariĝas kviete, senskue kaj eĉ nerimarkeble. Nenie montriĝas ia diferenciĝado de nia lingvo laŭ la diversaj landoj kaj ju pli spertaj fariĝas la aŭtoroj, des pli similiĝas reciproke ilia uzado de nia lingvo malgraŭ la granda malproksimeco de iliaj lokoj de loĝado. Nenie rompiĝas aŭ difektiĝas la kontinueco inter la lingvo malnova kaj nova kaj malgraŭ la fakto, ke nia lingvo forte disvolviĝas, ĉiu nova esperantisto legas la verkojn de antaŭ dudek jaroj kun tia sama perfekta facileco kiel esperantisto tiutempa, kaj li eĉ ne rimarkas, ke tiuj verkoj estas skribitaj ne nun, sed en la unua suĉinfana periodo de nia lingvo . . .

Nia afero regule kaj trankvile iras antaŭen. La tempo de la teoriaj juĝoj kaj de kliniĝado antaŭ ŝajnaj aŭtoritatoj jam de longe pasis. Se iu nun esprimas sian opinion aŭ konsilon pri Esperanto, oni jam ne demandas, ĉu li estas homo grandfama aŭ ne, — oni nur demandas, ĉu liaj konsiloj estas konformaj al la naturaj bezonoj kaj la natura irado aŭ ne. Se iu glornoma persono en plena nesciado de nia afero esprimas iun el tiuj sensencaĵoj, kiujn ni jam tiel ofte aŭdis, ekzemple, ke arta lingvo estas utopio, ke la esperantistoj sin reciproke ne komprenas ktp., aŭ se li, forgesante la nunan staton de Esperanto kaj la teruran ekzemplon de la Volapüka akademio, postulas, ke ni rebaku la tutan lingvon laŭ lia teoria recepto — tiam ni esperantistoj indiferente ĉion aŭskultas kaj trankvile iras nian vojon . . .“

(Daŭrigota.)

Hier (= im Folgenden) seien einige Sätze angeführt aus der Kongreßrede vom 17. August 1908 bei der Eröffnung des IV. Kongresses in Dresden. Dort sagte Zamenhof:

„Unsere Sprache selbst wird ständig reicher und schmiegsamer. Nach und nach erscheinen ständig neue Wörter und Formen, die einen festigen sich, andere hören auf gebraucht zu werden. Alles geschieht (= geht vor sich) (innerlich) ruhig, ohne Erschütterungen (= erschütterungslos) und sogar unmerklich. Nirgends zeigt sich irgendeine Differenzierung (= ein Unterschiedlichwerden) unserer Sprache nach verschiedenen Ländern und je erfahrener die Verfasser werden, desto ähnlicher wird (gegenseitig) ihr Sprachgebrauch trotz der großen Entfernung ihrer Wohnorte. Nirgends wird die Stetigkeit (der Entwicklung) zwischen der alten und der neuen Sprache unterbrochen oder geschädigt und trotz der Tatsache, daß unsere Sprache sich stark entwickelt, liest jeder neue Esperantist die Werke von vor zwanzig Jahren mit solch gleicher vollkommener Leichtigkeit wie ein Esperantist jener Zeit, und er bemerkt nicht einmal, daß jene Werke nicht jetzt geschrieben wurden, sondern in der ersten Säuglingsperiode (= Zeitabschnitt) unserer Sprache . . .

Unsere Angelegenheit geht regelmäßig und ruhig vorwärts. Die Zeit der theoretischen Urteile und des Sichneigens vor scheinbaren Autoritäten ist schon seit langem vorüber(gegangen). Wenn jetzt irgendwer seine Meinung oder einen Rat betreffs Esperanto zum Ausdruck bringt, fragt man nicht mehr (w.: schon nicht), ob er ein Mensch von großem Rufe ist oder nicht, — man fragt nur, ob seine Ratschläge den natürlichen Bedürfnissen und dem natürlichen Gang unserer Sprache angemessen sind oder nicht. Wenn irgendeine Persönlichkeit glorreichen Namens in völliger Unkenntnis unserer Sache (irgend)eine jener Sinnlosigkeiten vorbringt (= ausdrückt), die wir schon so oft hörten, beispielsweise, daß eine künstliche Sprache eine Utopie (= unerfüllbarer Traum) sei (= ist), daß die Esperantisten sich gegenseitig nicht verstehen usw., oder wenn er den jetzigen Stand des Esperanto und das schreckliche Beispiel der Volapük-Akademie vergessend fordert, daß wir die ganze Sprache nach seinem theoretischen Rezept um(wieder-)backen (mögen), — dann hören wir Esperantisten alles gleichgültig an und gehen ruhig unseren Weg . . .“

(Wird fortgesetzt.)

## Intervjuo kun la direktoro de la horloĝmuzeo de urbo Wien pri la novinventita elektra horloĝo de Burghart.

En la lasta tempo alportis la gazetoj (precipe „Volkszeitung“, s-ro Vinzenz) interesajn sciigojn pri nova invento de elektra horloĝo, farita de fervoja eks-inspektoro Burghart. Por doni al niaj legantoj aŭtentikajn detalojn, mi vizitis la direktoron de la horloĝmuzeo de urbo Wien, Kaftan, nian malnovan merititan samideanon.*)

Direktoro Kaftan bonvenigis min kore kaj montris al mi la ĉambron, en kiu troviĝas diversaj horloĝoj, funkciigataj per elektra forto. Ankaŭ la horloĝo de Burghart estas inter ili kaj s-ro Kaftan havis la afablecon, klarigi ĝin jene: „Bonvolu rigardi la horloĝon, kies mehanismo surprizas pro la simpleco de la konstrukcio.“ Al mia demando, kiamaniere la horloĝo funkcias, s-ro Kaftan daŭrigas: „Vi vidas en ĉi tiu horloĝkesto sekundpendolon kaj proksimume en ties mezo horizontalan bastonon feran kaj ankron, sub tiu la elektromagnetojn. La pendolo estas ekfunkciigata, oscilas tute nedepende, movas per leviloj, kiuj estas fiksataj super la pivoto, radon, sur kies akso troviĝas la sekundnadlo. La hor- kaj minutnadloj estas fiksataj sur la aksoj de la koncentre adaptataj radoj kaj kunprenataj kaj plumovataj en la ĝusta momento per plimalsupreniĝo de la priparolitaj leviloj.“ Poste mi demandis: „Kiamaniere la pendolo ricevas sian impulson?“ La direktoro: „Kiam la nedepende oscilantapendolo post proksimume 15 osciladoj havas pli malgrandan deklinangulon, tiam per horizontala risorto kontakto estas farata. Per tio ekestiĝas elektromagnetismo en la sub la ankro aranĝataj bobenoj kaj la pendolo ricevas novan impulson. Tio certe estas tre simpla mehanismo. Sed la horloĝo ankaŭ sonas ĉiun kvaronhoron kaj ripetas la horojn.“ Mi rediris, ke mi ne vidas martelojn kaj radojn por la sonoraranĝo, kaj pro tio estas mirige, ke ĝi tamen sonas. La direktoro: „Jes, sen marteloj, sen radoj! Bonvolu atenti! Kiam mi ŝaltos la levilon ĉi tien, la horloĝo ankaŭ sonos post fino de ĉiu minuto. La procedo estas jena: Estas fiksataj du Solenoidoj, en kiuj troviĝas ferkernoj. Kiam la elektra flurondo estas fermita per la oscilanta pendolo, tiam fluas elektro tra la volvoj ĉirkaŭ malplena cilindro kaj per la Solenoid-efikoj la ferkerno en la cilindro estas levata kaj ĵetata kun sufiĉa forto al sonanta risorto. Per tio la horloĝo sonas la kvaronhorojn kaj per la dua Solenoido similmaniere al alia risorto la horojn. La horloĝo tial estas simplege konstruita, malkare fabrikebla kaj simple alligebla al elektra intensflukondukilo per lumkontakta bolto. Jam interesiĝas firmo pri ekspluato de la patento de Burghart kaj ni esperu, ke baldaŭ en multaj privataj kaj publikaj ejoj troviĝu la nova perelektra horloĝo.“

Samideano Kaftan afable volis montri al mi la horloĝmuzeon mem, sed bedaŭrinde mi ne plu havis la sufiĉan tempon. Sed mi atentigas la gesamideanojn pri la tre interesa horloĝmuzeo de la urbo Wien, I., Schulhof 2, kies fondinto kaj direktoro, nia samideano Hugo Kaftan, volonte montros kaj klarigos siajn trezorajojn al vi. Steiner.

*) Dir. Kaftan kiel unua instruis E.-on en publika lernejo de Wien jam antaŭ la milito.

---

## Doktoro Charcot pri Esperanto.

La fama esplorinto de la suda poluso sur la ŝipo Pourquoi-Pas (Kial-Ne) d-ro Charcot en Paris antaŭ nelonge akceptis s-ron Houbart, dir. de „La Movado“, kaj donis jenajn klarigojn pri Esp.:

— Esperanto! Sed mi estas plene informita pri la movado, por kiu vi laboras. Inter miaj amikoj mi kalkulas ja generalon Delcambre, s-ron Rollet de l'Isle, s-ron Ernest Archdeacon, ktp.

— Sed . . . bedaŭrinde, mi ne plu estas juna, kaj mia memoro estas tute malfidela. Sed ankaŭ tiun demandon mi esploris, kaj mi deklaras, ke, vere, Esperanto estas admirinda verko. Mi estas tute certa, ke la ŝipo, kiu transportas Esperanton kaj ĝian sorton, sukcese atingos la ŝirmantan kaj

pacan havenon, same, kiel faris Pourquoi Pas, malgraŭ la malfavoraj ventegoj kaj marmovoj. Al la kontraŭuloj mi respondas: Kial ne? . . . El „La Movado"-Paris.

## Wien — festanta.

5.—19. junio 1927.

Von der Fremdenverkehrs - Kommission der Bundesländer Wien und Niederösterreich.

Wien, la belega urbo ĉe la bela blua Danubo kaj ĝia ĉirkaŭaĵo sin preparas por aranĝo de festsemajnoj.

Sendube multaj homoj el ĉiuj landoj konsiderante la grandiozajn kaj multpromesajn aranĝojn de la festsemajnoj je ĉi tiu tempo venos al Wien.

Jen la programo, skizita en grandaj traitoj:

Teatro: En la operejo: Modelaj prezentadoj „De Mozart ĝis Strauss". „Burg"-teatro: Majstroverkoj el la germana literaturo. En la aliaj: Festprezentadoj.

Muziko: Horkoncertoj, tiaj de eminentaj solistoj, preĝejmuzikaj prezentadoj, komuna grandioza koncerto de la militistaj kapeloj subĉiela.

Ekspozicioj: „Wien kaj la Wien-anoj" (foira palaco), artistaj de jenaj societoj: „Gildo de la belartistoj" (Künstlerhaus), „Kunstschau" (Österr. Museum), „Hagen" (Zedlitzhalle), „Segantini" (Äußeres Burgtor), „Wiener Secession", „Kunstgemeinschaft" (Burggarten), „Wiener Heimatkunst", „Bildende Künstler" (Marmorsalonego de la abatejo Klosterneuburg).

Sporto: Aŭstria „Derby", ĉevalkuradoj en Freudenaŭ kaj Kriaŭ, alpa aŭtomobilveturado, int. „Polo"-ludoj, kurado tra Wien, virinsporta festo, int. atleta kunveno, pilkludoj, bicikla vetveturado ĉirkaŭ Wien.

Aliaj aranĝoj: Flagumo de la urbo, festiluminado.

En tiu festa kadro okazos altsocieta kunveno (Schönbrunner Kammergarten), festo de la Wien-a aktoraro, „Balo ĉe Johann Strauß", parada prezentado en „Hispana rajdlernejo", konkurso pri eleganteco de la Aŭstria Aŭtomobilklubo (Kastelkorto de Schönbrunn), subflora promenveturado de Aŭstria Turingklubo.

Ankaŭ la ĉirkaŭaĵo de la ĉefurbo partoprenos en la festado: Bordfestoj en Baden, Klosterneuburg kaj Vöslaŭ, festhaoso sur Semmering kaj en Wachaŭ, sportaranĝoj en Wiener-Neustadt, festprezentado de „meso solena" de Beethoven en la preĝejo-Mödling.

50% a veturrabato por alilandanoj sur la aŭstriaj fervojoj kaj ŝipoj kaj nepostulo de vizumo antaŭvideble allogos grandan amason. Esp.-igis Steiner.

Samtempe komencos la VII. aŭstria E.-kongreso.

## Printempa Foiro en Wien.

13.—19. März

Dr. Wilh. A. Bauer, estro de l' gazetara fako de Wien-a Foiro, A.-S.

La multnombraj sinanoncoj por la printempa foiro, superantaj ĉiujn ĝisnunajn, pruvas, ke la Wien-a foiro ĉiam pli kaj pli altiras la komercon, metiaron kaj industriojn.

Grandegan amplekson havos „Aŭtomobil-ekspozicio" en „Rotunde" kiel ankaŭ „Intern. Motorciklo-ekspozicio.".

En la foir-palaco la unuan fojon Polujo havos apartan nacian ekspozicion. Krom ĝi ĝis komenco de l' jaro sin anoncis dek aliaj ŝtatoj.

Ni ankaŭ citas jenajn apartajn ekspoziciojn: „Nutraĵoj kaj luksmanĝaĵoj" (Rotunde), „Energi- kaj varmecekspluatiloj" (aranĝita de Unuiĝo de la minejposedantoj aŭstriaj), „Agrikultura specimenfoiro" ampleksanta „Eksp. de malgrandbestoj" (kun eminentaj bredrezultoj), „laktproduktadon", „ĝardenkulturon" kaj „vingustumadon".

Nova estos en tiu kadro besthigiena eksp. „La dombestoj". Esp.-igis Steiner.

### Atentigo

pri int. konferenco „Paco per lernejo", Praha, Pasko 1927. (Vidu A. E. n-ron 1.)

**„R. U. R." de Karel Ĉapek.**

(v. recenzon en A. E. n-ro 3 el 1926) de ni havebla kontraŭ pago de Š 3·50 (kun afranko) aŭ senpage post abonigo de 5 personoj al A. E.

## VII. AŬSTRIA ESPERANTO-KONGRESO EN WIEN.

Pentekoston 4.—6. junio 1927.

**Provizora programo:**

Sabate,
4. junio: Interkonatiĝa kunveno en granda gastejo kun muziko (Prater);

Dimanĉe,
5. junio: 8·30 Diservo kun prediko en „Karls"- aŭ „Minoriten"-preĝejo (aranĝota de A. K. L. E.);
10 h solena malfermo de la kongreso;
13 h komuna tagmanĝo;
15 h A. E. D.-Konferenco;
18 h komuna veturo per apartaj tramvagonoj al Grinzing, de tie mallonga promenado al Kobenzl (Meierei). Ĉe malbona vetero kunveno en „Rathauskeller";
22 h komuna reveturo.

Lunde,
6. junio: 8 h komuna vojaĝo al Baden per apartaj trajnoj de la „Elektra fervojo Wien-Baden";
11 h koncerto en „Kurpark";
13 h komuna tagmanĝo;
15 h banado en la nova, fame konata „Strandbad" aŭ mallonga ekskurso al „Helenental" (laŭ deziro);
19 h komuna revojaĝo al Wien.

**Kongreskotizo** Ŝ 2·—, por senlaboruloj kaj studentoj Ŝ 1·—, en kiu kompreneble ne estas enkalkulataj la veturkostoj per tramvojo, trajno al Baden, la banado kaj tagmanĝoj. Sed ni klopodos, atingi tiel rabatitajn prezojn, ke certe la plimulto povos partopreni. Ni ankaŭ intencas prizorgi kiel eble plej malkarajn noktejojn. Detaloj sekvos.

Por plifaciligi kaj eĉ ebligi al ni la preparajn laborojn, ni petas, ke jam ĝis la **10. marto** plejeble granda nombro da gesamideanoj sin anoncu kaj pagu la kotizon al „Aŭstria Esperantisto" (Poŝtpagilo aldonita). Nur laŭ la nombro de la aliĝintaj ni povas decidi, kiun salonegon ni uzu!

Do ĉiu aŭstria esperantisto sin tuj anoncu kaj helpu per tio, ke ni havu indan kongreson en la ĉefurbo Wien, kongreson, kiu forte antaŭenpuŝu nian Esperanto-movadon. La grupoj varbu en siaj rondoj!

**Leteradreso**: Ĉefinspektoro Steiner, Bisamberg bei Wien.

Al informpetoj bonvolu aldoni respondafrankon!

Loka Kongres-Komitato:
Steiner, prez.

---

## XIX. Universala Kongreso de Esp.

Danzig, 28. julio ĝis 4. aŭg. 1927.

Kotizo sv. fr. 25·—. Aliĝu tuj, vi per tio multe helpos la organizon! Vizo por Danzig ne necesa.

Helpkongresanoj: Kiu ne povas ĉeesti, helpu al ĝia bona sukceso per pago de la kotizo. Li ricevos la insignon kaj ĉiujn kongresajn dokumentojn.

Ĉiujn detalajn sciigojn vi legos en „Esperanto-Genève". La konkresaj afiŝoj estas sendataj al firmoj kaj institucioj, kiuj volas elmeti ilin videble. Mendu kaj uzu respondkuponon por afranko.

## XVI. Germana E.-Kongreso.

Köln, Paskon 1927.

Kotizo: Rm. 5·—, kongresejo „Wolkenburg" en la centro de la urbo. La kongreslibro, entenanta pedagogiajn artikolojn ĉiuspecajn, estas multvalora verko por ĉiu perfektiĝema esp.-isto. Adreso: XVI. Germana E.-kongreso, Köln, Hohestr. 26.

## Verda Libertempo 1927.

Estas intencate, aranĝi allige al la Germana E.-kongr. en Köln mallongan (5 tagan) Verdan Libertempon je favora prezo, se troviĝos sufiĉaj partoprenantoj. Centrejo estos Bad Ems. Ekskursoj al

Koblenz, kasteloj Nassaŭ kaj Stein, Marksburg, la Lorelejo ktp. projektataj. Prezo por loĝado, manĝoj, inkl. ekskursoj kaj kromkostoj (servomono) estos ĉ. Rm. 40·—. Bona okazo, ekkoni la romantikan parton de la Rejna valo en societo de gesamideanoj. Skribu al L. Funken (VL), del. UEA, Florinsmarkt 7a, Koblenz, Germanujo. Por tuja respondo estas dezirata aldono de afranko.

## Liga kunveno de „Laborista E.-Ligo por la germanlingva teritorio"

okazos Paskon en Leipzig.

## Kongreso de internaciaj „Rotary-Club"-oj

Kongreso de Internacia „Rotary-Clubs", grava asocio, kiu nombras 110.000 membrojn en 32 landoj, okazos en Ostende la 5-an de junio. Kelkaj membroj jam propagandis en siaj kluboj pri E. kaj sukcesis, interesigi ilin, pri nia lingvo, ĉar la idealo de la Rotary-anoj multe similas Esperantismon.

Por utiligi tiujn unuajn sukcesojn kaj ebligi efikan agadon en la kongreso suprealudita, estas necese, ke la Rotary-aj esp.-istoj antaŭe interkonsiliĝu. Pro tio ili bonvolu plej baldaŭ konigi sian adreson al s-ro Rollet de l'Isle, 35, Rue du Sommerard, Paris, V.

Laŭ bulteno de „I. S. A. E.", Paris.

## V. Mondkongreso de tabakkontraŭuloj

okazos la 6.—8. julio en Praha. Amikoj de popolbonfarto jam preparas laboron por la estonta malvenko de tabakismo, skurĝo de la homaro. La kongreso, dum kiu ankaŭ okazos esp.-ista fakkunveno, certe influos ĝeneralan klarigon pri la grava popolhigiena, socia kaj morala demando de tabako.

Interesuloj pri la demando skribu al E.-tabakkontraŭula asocio, Wien, I., Judenplatz 2, I/II.

---

Bonvolu sciigi al ni la **adresojn de komercaj firmoj**, kiuj uzas aŭ intencas uzi E.-on por fremdlanda korespondado.

## Fervojistoj!

Mi sendis al samfakuloj de diversaj landoj du nian fakmovadon akcelantajn sciigojn (reskripto kaj juĝo pri E. de ĝen. fervojdirektoro aŭstria, d-ro Maschat) kun la peto publikigi ilin en la naciaj fakgazetoj. El kelkaj landoj mi jam ricevis la koncernajn gazetojn. Agu la aliaj same!

Interesuloj ricevos laŭpostule la dokumentojn. Vi per tiu publikigo helpos vin mem!

Ĉefinspektoro Steiner.
Bisamberg bei Wien, Aŭstrio.

---

## Paneŭropo kaj Esperanto.

Paneŭropa Unio en Wien, I., Hofburg, fondis Esperanto-Sekcion kun la centro en Wien (Aŭstrio).

La celadoj de Paneŭropo kaj Esperanto estas identaj: intergenta paco kaj internacia kompreniĝo. Tial subtenas ĉiu esperantisto ankaŭ sian propran aferon, se li varbas por Paneŭropo. Mi do vin invitas, aliĝi al Esperanto-Sekcio de Paneŭropo (E. S. P. U.) kaj varbi novajn anojn por ĝi. Pojara kotizo: 3 aŭ. ŝil. ($2^1/_2$ sv. fr.). D-ro Edmund Sós, sekciestro.

## Esperanto en la urbaj burĝlernejoj en Wien.

La „Komitato por ĝenerala administrado" (afergvid. urbkonsil. Richter) en sia kunsido de l' 1-a sept. 1926 konsentis, ke en la lerneja jaro 1926/27 estu enkondukota en kelkaj burĝlernejoj la instruado de Esperanto kiel nedeviga instrufako anstataŭ la franca lingvo. (Aktnombro 37, magistr. depart. 48, nombro 425).

Laŭ tio nun instruas jenaj geinstruistoj en la sekvantaj burĝlernejoj:

II. Pazmaniteng. 26, s-ro Lezak Max,
II. Weintraubeng. 13, s-ro Hagen Gust.,
IV. Schaumburgerg. 7, s-ro Kronberger H.,
VII. Neubaug. 42, s-ro Spinka Raimund,
X. Erlachg. 91, d-rino Smital-Domonkos,
X. Herzg. 27, f-ino Thornton Angela,
XIV. Sechshauserstr. 71, s-ro Scheibenreiter Fr.,
XVI. Speckbacherg. 48, s-ro Dittrich Edm.,
XVIII. Schopenhauerstr. 79, s-ro Spitzer J.,
XXI. Konstanziag. 50, s-ro Pfeffer Leop.

## Folkloro kaj Etnografio.

La 18. Univ. E.-Kongreso en Edinburgh montris, ke E. havigas neordinaran oportunon por komparaj folkloraj studoj. Rezulte de tio okazis fakkunsido, en kiu oni decidis, starigi internacian grupon de folkloro kaj stenografio. S-roj J. van Hengel kaj D. Vitterdijk el Nederlando afable proponis, malfermi apartan rubrikon de folkloro en sia revuo „Kolektanto“, kaj s-ro R. Kodera el Japanujo akceptis la funkcion de fakredaktanto.

Kiel unuan temon kunelaborotan oni elektis la komparan studon de la popolaj jaraj festoj en diversaj landoj. Tiu laboro estas publikigota serie en „Kolektanto“ (la unua aperis jam en januaro).

Estis ankaŭ proponita, ke la grupo estu uzota kiel helpilo por individuaj studoj de siaj anoj dezirantaj ricevi porkomparajn sciigojn de aliaj landoj.

Interesuloj bonvolu interrilatiĝi kun s-ro Kodera, ĉe Mme. Gavarry, 187, rue St. Jacques, Paris, 5a (ĝis majo).

G. Marin, Whiteway apud Stroud, Anglujo.

## Provo de teknika instruado per Esperanto.

L'Ecole spéciale des Travaux publics, du Bâtiment et de l'Industrie (Speciala lernejo por inĝenierarto, domkonstruado kaj industrio) en Paris, kiu posedas la plej kompletan kaj plej gravan organizadon en Franclando por teknika instruado perkoresponda, estas preta disvastigi eksterlanden tiun instruadon por la profito de ĉiulandaj esp.-istaj teknikistoj kaj inĝenierlernantoj. Por komenci tian agadon, ĝi komisiis areton da kompetentaj esp.-istoj traduki ĝian tutmonde konatan kaj ŝatatan kurson pri „Armita Betono“ kun ekzercoj kaj korektajoj.

Bonvolu ĉiu interesato doni per simpla poŝtkarto sian nuran aprobon, kiu trudos al ili nenian devigon. Ili post nelonge ricevos pliajn necesajn detalajn informojn.

Ni varme konsilas, helpu plejeble je sukcesigo de tiu praktika apliko de Esp., ĉar ĝi liveros potencan argumenton por la disvolviĝo de nia lingvo en la teknikaj kaj sciencaj rondoj ... Multaj skribu! Jen la adreso: S-ro direktoro de l'Ecole spéciale des Travaux publics, 3, Rue Thénard, Paris, V.

Laŭ bulteno de „Int. Scienca Asocio-Esp.“, Paris.

## Al la junularo.

La ĉiama amikeco
kaj la eterna paco
inter la popoloj.
Ĉu ili estas sonĝoj?
Ne!!!
La venĝo kaj la milito estas sonĝoj,
el kiuj oni estonte ekvekiĝos! (Börne.)

Kunhelpu junuloj, por ke la vortoj de l'poeto efektiviĝu. Ili montru, ke la junularo havas la volon, vivi honeste kaj efektive en

„Paco kaj Amikeco“.

Mondjunularligo, germana sekcio, E.-oficejo (Kurt Bujakowski, Breslau 18, Gabitzstr. 166).

## Sporto kaj Esperanto.

„Sportsmann“ (sportulo), monata gazeto por ĉiuspeca sporto en Georgswalde, Ĉ. S. R., petas la esp. sportulojn en la tuta mondo, ke ili bonvolu sendi en E. artikolojn pri ĉiuspeca sporto sialanda, kiujn ĝi aperigos en germana lingvo. La sendintoj ricevos dankleteron en E. kaj numeron de la gazeto kun la presita artikolo. Sendu artikolojn kaj mendu provnumeron.

## El sentempa memorlibro.

Leterojn de amataj homoj oni forbruligas tuj aŭ neniam.

*

De kuracisto kaj de instruisto oni postulas, ke li faru miraklojn; kaj se li faras ilin — neniu miras.

*

Kia mizera vivo, kiu ne estis riĉa je doloroj!

*

Oni povas diferencigi inter ĝentileco, kiu allogas, kaj ĝentileco, kiu distancigas.

*

Se mi bezonas vomigilon, mi preferas ĝin preni el la apoteko, ne el la librovendejo.

esp.-igis Haager-Wien.

## La modo.

Oni asertas, ke Eva, tuj post kiam ŝi estis kreita, malferminte siajn okulojn kaj konsciiĝinte, unue tutetendis siajn membrojn, konveksigis sian bruston, rigardis sin per la apuda fonto, kaj sen „transicio" diris al Adamo: „Sed, amiko mia, mi havas nenion por vesti min". Jen kiel estis kreata la modo kvin minutojn post la kreo de la virino.

Pasis miloj kaj miloj da jaroj, kaj nuntempe oni ankoraŭ aŭdas edzinon diranta al sia edzo: „Sed, amiko mia, mi havas nenion por vesti min". Kaj post ne tre longa tempo la edzo akceptas la fakturon, laŭ la sentenco: „La virino agas, kaj la viro pagas".

El „La Movado"-Paris.

---

**Respondo** al „Lingvaj babilajoj" pro manko da spaco en la venonta numero.

**Korekto:** En la januara N-ro de A. E., nekrologo pri John Bredall, sesa linio de malsupre, oni legu anstataŭ „atribuis" ĝuste „kontribuis".

---

Die verehrlichen Bezieher des A. E., die bis nun den Bezugspreis für 1927 von S 4·30 **noch nicht** eingezahlt haben, werden ersucht, dies **gütigst sogleich** nachzuholen.

Ein **jetzt Abbestellen** für 1927 und **Rücksenden** der erhaltenen Nummern 1 und 2 **enthebt nicht** von der Zahlung der Bezugsgebühr für 1927 (in Nummer 12 wurde besonders darauf hingewiesen), die also **unbedingt** zu leisten ist.

## AŬSTRIA ESPERANTO-DELEGITARO

Wien, IV., Schäffergasse 3.

**A. E. D.**-direktantarkunsido okazis la 24. I.

### 60-A KUNSIDO DE E. D. W.

la 5. februaro.

Programo: 1. VII. Aŭstria E.-Kongreso, 2. Fremdultrafiksemajno, 3. Wien-a Esperanto-hejmo.

Krome ni aranĝis en la hejmo de „Unua E.-Unuiĝo" okaze de la vizito de s-ano Adalbert Smit el Hago, Hollando, la 4. II. kunvenon, kiun partoprenis samideanoj el ĉiuj societoj de Wien. S-ro Smit unue parolis pri sia hejmlando kaj montris en lumbildoj ĝiajn vidindaĵojn. Fine li deklamis memverkitajn poemojn.

E. Werner, sekr. Czech, prez.

---

### Unsere Bücheraktion.

Beachten Sie die Beilage!

## PROPRAJ RAPORTOJ DE „A. E."

### Ŝtata ekzameno.

La ekzamenoj komenciĝos la 20. aprilo (merkredon post Pasko), je la oka per la skribaj en la domo de „Liglanda faklernejo por instruistinoj" en Wien, I., Hegelg. 14 kaj estos daŭrigataj la sekvontajn tagojn. La dato de la praktika kaj buŝa ekzamenoj estos sciigataj al la ekzamenaspirantoj persone.

La partoprenpermeso por la ekzamenoj kun la aldonoj laŭ § 4 de la ekzamenregularo kaj stampo (1 Ŝ.) estu prezentataj ĝis plej malfrue 20. marto al la direkcio de la ekzamenkomisiono, Wien, I., Burgring 9 (Stadtschulrat), ĉambro 53.

La ekzamenkostoj da 20 Ŝ. resp. 10 Ŝ. estas pagotaj antaŭ komenco de la skriba ekzameno.

La ekzamenregularo („Volkserziehung" n-ro 42 el 1925), prezo 20 gr. kaj listo de la por la ekzameno rekomenditaj verkoj kune kun la ekzamenregularo kaj preciza informo pri la ekzamenpostuloj (Ŝ. 1·70) estas riceveblaj de Bundesverlag, Wien, I., Schwarzenbergstr. 5 aŭ la ekzamenkomisiono.

### Esperanto-Gottesdienst in der Minoritenkirche.

20. Februar 1927, 10 Uhr, mit Predigt.

**La Wien-a gazetaro kaj Esperanto.**

„Neues Wiener Tagblatt", „Volkszeitung" kaj „Kronenzeitung" tre ofte raportas pri nia movado. Nun ankaŭ „Neue Freie Presse" en sia numero de l' 29. I. publikigis longan artikolon de univers. dozento d-ro Hugo Sirk „La intern. lingvo de Radio".

**Graz.** **„E.-soc. Emanuelo Peltier"** aranĝis jenajn kursojn: En la kadro de „Kath. Volksbund" kaj 2 en la episkopa gimnazio, gvid. d-ro Friedl; en „Odilien"-blindulejo kaj „Vincentinum" (superaj klasoj), gvid. d-ro Halbedl; en „Vincentinum" (malsup. kl.) kaj private, gvid. s-ro Dürschmid; ĉe „Kath. Volksbund" en Eggenberg, gvid. s-ro Schwarz. Krome regula instruado en „I. Grazer Esp.-Sprachschule" de d-ro Adolf Halbedl, Graz, Bürgerg. 4/II. (Gratulon al la antaŭ mallonge novfondita grupo pro la farita laboro.) **S-ano Mader,** 3-a sekr. de A. E. D., parolis en kleriga societo „Apolloneum" pri „La problemo de int. helplingvo" la 10. I. kaj pri „La praktika valoro de E." la 20. I.

**Hainfeld:** La unua ĝen. kunveno okazis la 7. febr. Novelektoj: Instruisto Wandl-prez.; f-ino Wimmer-anstataŭanto; Fr. Fischer kaj f-ino Neberle-sekr.; Bilek kaj f-ino Schappelwein-kas.; Kogler kaj s-ino Schoberlechner-bibl.; Fritik kaj Zischek-reviz.; Gruber kaj Böswarth-kons. — S-ro Wandl paroladis pri „E. kaj ĝia estonto." Movado tre vigla.

**Linz.** „Supra-Aŭstria E.-Societo" aranĝis sian 1-an ĝeneralkunsidon la 7-an jan. en ĉeesto de la AED.-landestro Meisleder. Prezidis prof. d-ro Meguscher. Granda laboro estis farita dum la unua jaro de ĝia ekzisto: Multaj artikoloj en la gazetaro, propagando per varbfolioj, fiksigo de propaganda tabulo je favora loko (ĉefa placo apud la urbdomo), instalo de konstanta E.-ekspozicio en elmontra fenestro, disponigita senpage de „Kath. Preßverein", fondo de „Arbeitsgemeinschaft", en kiu ĉiuj Linz-aj E.-grupoj estas reprezentataj. Del. de S.-A.-E.-S. prof. d-ro Meguscher kaj Bürger, de la polica soc. Meisleder kaj Leitner, de UEA. Mraz kaj Ulbrich, de la laborista societo Frenzel kaj Fux. Prez. prof. d-ro Meguscher kaj Meisleder, vicprez. Frenzel, sekr. Leitner. Ĝia celo: Atingi sukcesojn per komuna kunlaboro. (Imitinda ekzemplo! Same laboras Graz, Innsbruck kaj Salzburg.) Novelektoj: Prof. d-ro Meguscher-prez., Meisleder-vicprez., Ulbrich-sekr., Bürger-2a sekr., s-ino Eberhardt-kas., Mraz-anstataŭanto; faksekcioj: gazetaro: lernejа inspekt. Schallert, biblioteko: f-ino Petran, revizoroj ktp. Zelenka, Müller, Leitner. Skribaĵoj al „Supra-Aŭstria E.-Soc." Linz, Tegetthoffstr. 24.

**Ried i. Innkreis.** Fakinstruisto Jungschaffer, kiu aŭtune komencis la unuan E.-kurson, nun grandstile propagandas. Li aranĝis E.-ekspozicion en la komercejo Loreth, kies posedanto — esp.-isto per la Radio-kurso — afable disponigis sian elmontrajn fenestrojn. Bona efiko! Raportis per longaj artikoloj „Oberösterr. Tageszeitung-Linz" kaj „Innviertler Zeitung-Ried i. I." (ambaŭ naciaj gazetoj) kaj „Rieder Volkszeitung" (kristan-socia). — La 5-an febr. s-ro Jungschaffer, komencos kurson por studantoj de la gimnazio. (Gratulon! Ni esperu, ke baldaŭ ekestu tie grupo.)

**Wien . . . „Danubio":** Generala kunveno okazis la 17. jan. Nova estraro: Ĉech-prez., Deistler kaj Mayr-vicprez., Vasta kaj f-ino Stowasser-sekr., s-ino Wipplinger kaj Josef Weiniger-kas., f-ino Kohn kaj Karl Postl-bibl., d-ro Pfeffer, Dittrich kaj Hausner-bibl. komisiono, Pauk kaj Pinter-reviz., f-ino Metzker, s-roj Feder, d-ro Jokl, Klein, Ultmann kaj Wipplinger-konsil. 80 membroj. En la pasinta jaro okazis 29 diversaj aranĝoj. Kotizo por 1927 Ŝ 3·—, studentoj kaj senlaboruloj pagas po 50 gr. La al la membroj senpage disponigata biblioteko ampleksas 700 volumojn. **„Tutmonda Polica Ligo Esp.-ista":** En la ĝen. kunv. (7. I.) estis elektataj: Bz.-Insp. Hirz-prez., Rv.-Insp. Gaidosch-vicprez., Ray.-Insp. Rafelseder-sekr., Ob. W. Haslinger-2. sekr., Ray.-Insp. Ziefreund-kas., Abt. J. Schneider-kontr. **„E.-tabakkontraŭula asocio":** Kunvenejo I. Judenplatz 2, I. ŝtup., II. et. **„Viena Akademia E.-Unuiĝo"** komencis en la universitato (aŭskultejo de la filozofa fakultato) novan kurson, gvid. d-ro Pfeffer. **„Aŭstria Katolika Ligo E.":** ĝen. kunveno la 6. marto je la 16-a. **„E.-org. de ofic-hav. de urbo Wien":** Novaj kursoj p. komenc., specialaj parolad- kaj perfektigaj kursoj komenciĝos meze de februaro. — Por krei bibliotekon, prksme. 200 libroj jam estas akiritaj! **„Bohema Klubo Esp.":** 2 kursoj en bohemaj asocioj, gvid. Ĉerny. **„E.-grupo de Naturamikoj":** La 2. febr. okazis ĝen. kunveno. De la centro ĉeestis kdo Ziegler, kiu raportis pri la prospero de la movado. Prez. Ĉech referatis pri la laboroj faritaj. La membraro plialtiĝis de 30 al 93. Ekskursprogramon ĉiam publikigis A. E. kaj Socialisto. Danko oficiala al Ĉech. Novelektoj: Müller, estro; Klein, kas.; Polzer, sekr.; Fischer, Brunner, Cakl Olga, Poppe, Leitner, Bubetz-komitatanoj. — La 8. II. komencis nova kurso, gvid. Klein. — Ekskurso: 27. II. Ruinenwanderung. **„E.-Laboristaro kristana de Aŭstrio"** komencis la 7. II. en III. Keinerg. 37 novan kurson, gvid. Bischof.

---

**Gesamideanoj!**

Mia bofrato, patro de familio, troviĝanta en granda mizero kaj devanta lombardi unu pecon de sia havaĵo post la alia, serĉas **iun ajn** okupon.

Li estis dum multaj jaroj memstara komercisto, gvidanto de filio ktp. Li estas ankaŭ perfekta librotenisto, akceptus libroreviziadon por hejma laboro kaj iun ajn alian laboron ankaŭ nur provizoran.

Laŭ ekstera aspekto mia bofrato estas altkreska reprezentativa persono kaj disponas je bonegaj referencoj.

Gesamideanoj, kiuj ion taŭgan scias, afable skribu al Siegfried Feith, Wien VI. Gumpendorferstr. 91/14

aŭ en urĝa okazo telefonu al mi n-o 78-5-50. Alvoktempo: 9·30—12, 15·30—17·30.

## Rimarkindaj Presaĵoj.

### El la eldonejoj:

**Tagblatt-Bibliothek-Wien:**

**Ĉu vi parolas Esperante?** Ĉi tiu de nia fidinda gazetara gvidanto d-ro E. Pfeffer verkita prilaborado reprezentas kun sia mirige riĉa vorttrezoro tre taŭgan enkondukon ne nur en la vivantan lingvon, sed ĝenerale en E.-on. La kajero jam per sia lertege aranĝita elekto de diversaj, ofte aktualaj temoj allogas. kaj precipe la komencanto sekvos kun senlaca fervoro la verkiston, kiu montras al li, kiel flue, precize, lerte kaj eĉ gracie oni povas sin esprimi en E. Sed la verketo krom tio certe donos dezirindan impulson al ĉiuj, kiuj ĝis nun eble hezitis provi E.-on per vivanta parolado. Ĉi-rilate la verketo renkontas al bezono; ni ĝoju, ke la verkisto same kiel la eldonejo ĝin tiel dankinde forigis. La kajero jam por 40 gr. estas aĉetebla. — Mi nur bedaŭras, ke la akompananta germana traduko ne montras la saman modelecon kiel la vere vivanta E.-teksto.

Prof. Otto Morascher-Oberschützen.

**Brita E.-Asocio-London.**

**The Objekt Lesson,** Comedy in three acts by William Morisson, 1926. Eld. Brita Esp.-Asocio, 17 Hart Str., W. C., London. 20 pĝ. Komedieto propaganda en angla lingvo kun parte Esperanto-teksto.

**Ellersiek & Borel-Berlin:**

**Noveletoj el la Nigra Arbaro** de Helene Christaller, trad. Wilhelm Christaller. N-ro. 25. Rm. —.40.

La verkintino de l' originalaĵoj estas bofratino de nia vortaristo P. Christaller, la tradukinto ties filo. Pri la unua P. Christaller skribis: „H. Ch. estas tre ŝatata verkistino. Ŝi mem vivis kiel pastoredzino en vilaĝo de la Nigra Arbaro . . . kaj ekkonis tie la vilaĝan vivon, kiun ŝi desegnas al ni tiel klare. Ŝiaj rakontoj montras eminentan kapablon, ekkoni kaj prezenti la sentojn de plej diferencaj animoj. Same rimarkinda estas la komprenemo pri naturo kaj la bonkora humoro enhavata ofte en la rakontoj." — Se vi legis la kvar rakontojn en n-ro 25 de EBl. vi konsentos, ke P. Christaller pri sia verkistino-bofratino diris nur veron. Mi nur aldonu, ke la verkistino montriĝas en ili klera kaj erudita virino, kies delikata ironio kelkloka obeas la admonon: „Fortiter in re, svaviter in modo" (Forte en afero, milde en maniero). Sentenco, hodiaŭtempe tro ofte forgesata. Ni studu kaj apliku ĝin sincere. Legu la libreton.

D-ro Halbedl-Graz.

**Esperanto-Praktiko!** Ĉi tiu „Instrua kaj literatura gazeto monata por perfektigo en la lingvo internacia", kiu la unuan fojon estis eldonata jam en 1919 kaj de germana inflacia tempo ĝis nun aperis en la kadro de „Germana Esperantisto", de l' januaro nunjara denove aperas memstara. Ĉefredaktoro Ellersiek, respondeca red. Behrendt. Ĉi tiuj nomoj garantias bonan enhavon. Mendu ĉe la eldonejo: Berlin SW 61, Wilmsstr. 5.

**Esp. Centra Librejo-Paris:**

**Andersen Fabeloj** — Plena kolekto. Tradukis d-ro L. L. Zamenhof. Unua parto dua eldono, dua parto unua eldono. Prezo po S. 3·10.

Ĉiu vera esp.-isto, kiom ajn lingve perfekta li estu, havas la korbezonon de tempo al tempo foliumi iom en la verkaro de nia Majstro. Proprasperte mi povas certigi, ke tio efikas kiel refreŝiga trinko el klara fonto montara sur vojlaca, soifanta migranto. Malgraŭ la kelkaj sensignifaj arĥaismoj, kiujn Zamenhof poste mem ne plu uzadis, kaj pri kiuj ja ekscitiĝas nurareto da supersaĝaj, harfendemaj filologoj, lia verkaro kun sia kristalklara facile komprenebla stilo, estas kaj restos tamen nia plej valora literaturaĵo kaj la plej imitinda modelo en dubaj prilingvaj demandoj. Tial ĉiu entrepreno, celanta ĝian disvastigon, meritas laŭdon kaj dankon de la tuta esperantistaro. Ni do sincere danku al Centra Librejo pro la suprecititaj eldonaĵoj kaj speciale pro tio, ke ĝi konservis neŝanĝite la originecon de la Zamenhofa traduko. Franz Zwach-Wien.

**Hirt & Sohn-Leipzig:**

**Petro Schlehmihl,** la mirinda historio de A. de Chamisso. El germ. orig. trad. Eugen Wüster. Int. Mond. Lit. vol. 7; 1922; 82 pĝ.

Wüster, la konata aŭtoro de la plej grava E.-vortaro, kies precizan labormanieron la esp.-istaro jam delonge konas, peras en tiu ĉi volumeto la ĉefverkon de Chamisso. La aŭtoro estas klasikulo en la mondliteraturo, interesa pro tio, ĉar li, naskita franco, skribis ne nur germane sed germanece. Li same kiel Schlehmihl perdis sian ombron: La patrujon, kiu „ne malebligas la interproksimiĝon de la ombrohavantoj, povante sen difektiĝo kunfandiĝi kun aliaj ombroj al pli granda unuaĵo" (Wüster). La figuro de la senombrulo mondkonatiĝis el tiu verko tradukita en preskaŭ ĉiujn kulturlingvojn. La E.-traduko estas valora inter alie pro la precizaj, klarigantaj notoj, el kiuj ankaŭ la prononco de fremdvortoj estas precize ĉerpebla. — Nur unu demandon stilan: Ĉu efektive la konstanta uzo de prepozicioj antaŭ adverboj estas rekomendinda? Smital-Wien.

**„Servokapabla"** kaj **„Marcus Tybout"** de Georges Eckhoud (I. Mondl. n-ro 20) ĵus aperis. Jam nun mendu! Recenzo en la marta numero.

**Aliaj:**

**Int. Foiro de Lyon,** 7.—20. marto., eldonis belaspektan ilustritan prospekton. Mendu ĉe la foiroficejo (senpage).

**Gvidfolio tra Dresden,** eld. de Germana E.-Asocio, grupo Dresden, Dresden A. I. Struvestrasse 40, estas senpage havebla. Mendu ĝin.

## Kie oni renkontas E.-istojn?

**Graz.**

Esp.-Verein für Steiermark, Geschäftsstelle (oficejo) Radetzkystr. 6/III, Vereinsheim (kunvenejo) „Pastete", Sporgasse 28, Do (ĵ) 20—23 h.

**Innsbruck.**

Arbeiter-Esp.-Klub (Laborista klubo), Südtiroler Platz, Hotel Sonne, Do (ĵ) 20—22 h.
Esperanto-Klub, Gasthof „Goldener Greif", bei der Triumphpforte, Mi (me) 20—22 h.

**Wien.**

Aŭstria Katolika Ligo Esperantista, I., Freyung 6 (Pfarrkanzlei), Mi (me) 17—19 h.
1. Wiener Esp.-Verein, I., Schellinggasse 7, Schellinghof, Fr. (v) 19·30 h.
Aŭstria Pacifista Esp.-Societo, III., Henslergasse 3, Hochparterre; Do (ĵ), 19—21 h.
Esp.-Verein der städt. Angestellten Wiens, IV., Schäffergasse 3, Di (m) 17—19 h.
„Konkordo", V., Margaretenplatz 4 (Terrassencafé), Do (ĵ) 19—22 h.
Esp. laboristaro kristana de Aŭstrio, VI., Gumpendorferstraße 39, Do (ĵ); XII., Tivoligasse 38, Mo (l); XV., Beingasse 22, Mi (me); XVI., Rückertgasse 9, F (v) ĉiam je la 19 h.
Esp.-societo „Danubio", VII., Neubaugasse 25, Café Elsahof, Mo (l) 19—23 h.
Esperanto Bücherstelle d. Freien Esp. Arbeitsgemeinschaft, VII., Lerchenfelderstr. 23; Auskünfte (informoj): Täglich 18—19·30 h.
Esp.-Bildungsverein „Supren", VII., Kaiserstraße 121, Café, Fr (v) 18—21 h.
Bohema Klubo Esperantista, XV., Turnerg. 9, I. et., Narodni dum, Mi (me) 20 h.
Esp.-societo „Fideleco", Währinger Bürgercafé, XVIII., Staudg. 1, Di (m) 16—19 h.
Esp.-soc. „Kulturo", XVIII., Kreuzgasse 34, Café Hildebrand, Do (ĵ) 19·30 h.

## Rekomendindaj firmoj.

E. signifas, ke oni parolas E.-on.

**Graz.**

Café = kafejo:
„Post", I. Haring, Neutorgasse.

**Korneuburg.**

Bäckerei = bakejo:
Karl Luegmayer (E), Albrechtstraße 3.

**Wien.**

Zuckerwaren = sukeraĵisto:
Franz Prohaska, XII., Premlechnergasse 21.















Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Hugo Steiner, Bisamberg 248.
Presejo: Gesellschafts-Buchdruckerei Brüder Hollinek, Wien III, Steingasse 25.